1ª jaro - Nº 5 (Publication mensuelle) Oktobro 1933

# LA PIRATO

Kajeroj por Satiro, Humoro kaj Libereco... relativa

Ŝipestro: RAYMOND SCHWARTZ
Redakcio: 5, Avenue Galliéni
COURBEVOIE (Seine)

Hejma Haveno & Administracio:
J. SOLSONA
9, Rue Hallé, PARIS-14e
FRANCLANDO



KAPERAS ĈIUMONATE

ABONTARIFON VIDU SUR LA PROKSIMA PAĜO

# TARIFO DE L'ABONOJ

---

Unujara abono (12 numeroj) al LA PIRATO kostas

en Francujo kaj Saar-Teritorio. . . . . 10 fr. fr.

en Landoj aliĝintaj al la Konvencio de Stockholm. . . . . . . . . . . . 12 fr. fr.

en aliaj landoj *) . . . . . . . . . . . . . 15 fr. fr.

Oni povas pagi en francaj frankoj
aŭ egalvaloro en aliaj monunuoj
laŭ kurzo de l' tago.

Francoj povas pagi per poŝta ĉekkonto:
J. SOLSONA, Paris 545.82

---

Ĉiuj pagoj estu farataj al

S-ro J. SOLSONA, 9, rue Hallé
PARIS - XIV[e]

---

*Modelon de abonilo vidu sur la 3-a kovrilpaĝo!*

---

*) Inter la ĉefaj landoj ne aliĝintaj al la Konvencio de Stockholm estas: Danujo, Granda Britujo, Italujo, Japanujo, Norvegujo, Svedujo, Svisujo, Usono.

# Kelkaj notoj (bemolaj) pri nova argumento

La klasikajn argumentojn ni ĉiuj ja konas: Esperanto ne povas vivi,

ĈAR ĝi ne havas literaturon (?),
ĈAR ĝi estas artefarita lingvo,
ĈAR ĝi estas nur juda, vegetarana, komunista, faŝista aŭ alia specialaĵo,

sed novan argumenton nekontraŭstareblan mi ĵus aŭdis en malgranda angulo de malgranda Anglujo: «Ni ne bezonas Esperanton, ĉar ni jam havas lingvon vere internacian, belsonan, flekseblan, — la MUZIKON!»

Kial ni ne pensis pli frue pri ĝi? Estas grava manko.

Mi imagas al mi belan vojaĝon en suda, suna lando, kie mi povas esti tuj komprenata per la notoj de mia arĝentsona voĉo (Anglujo ja forlasis la oron).

Ĉe la landlimo mi spertas kelkajn malfacilaĵojn pro pasporto, sed mi aranĝas la aferon kantante DO-LA-RE. Eble mi eraris elprenante la monon, ĉar la oficisto kraĉas teren, rigardas la manon, kaj en basa voĉo blekas «SOL-DO!»

Mi vizitas tipan restoracion kaj trile mendas: «SOL» — En tiu sudlanda dialekto tio estas fiŝo, sed tiel malgranda, ke mi energie triladas RE-RE-RE! (Oni diris al mi poste, ke por havi pli dikan specimenon, oni devas malaltigi la voĉon.) Estas... menueto!

Afabla kungasto, diveninte mian anglan originon, alparolas min: «MI-LA-DO» *) kaj demandas «SOL-LA?» Mi jesas «SI-SI!» Ĉar sekvas invito RE-MI, DO MI akceptas. — Kaj MI-RE MI rigardas la riveran pejzaĝon dum li lude aludas preludon de simfonio, komence sekret-arie, poste... FA-RE. Mi ektimas:

«LA-SI... LA-SI...»

FA-LA SI-DO... RE-FA-LA-DO.

«SI-MI'... SI-MI'!!»

Evidentiĝas, ke la muziko sufiĉas por interkompreniĝo en ĉiuj cirkonstancoj. Ĝi, efektive, estas lingvo... FA-SI-LA!

M. C. MAJOR.

---

*) Angle «Milady» (?)




Antaŭ kelka tempo mi troviĝis en la tre monduma salono de ortodoks-Esperanta familio, kie ĝis nun floradis nur pura fundamenta lingvo laŭ la plej «ĝisosta» stilo.

«Bonvolu, barono, bruligi vian tabaktubeton. Jen la fajrolignetoj!» — aŭ «Viaj buŝrandoj, grafino, havas la ruĝon de l'ĉerizoj.» — Sed nun! Nun oni «descendas la eskaleron, — skoldas la orgojlulon...» Unuvorte, estas triste.

«Evidente,» mi konstatis, «Literatura Mondo sur siaj Aelaj flugiloj penetris ankaŭ ĉi tien?» — «Lit...» ekkriis la grafino, svenopreta, «fi, fi! Ni gustumas nur la verkojn de Julio Baghy. Kaj, dank' al Dio, li estas kontraŭulo de la neologismoj,» — «Kaj ĉe li vi trovis...?» — Jen!

Jen estis artikoloj el «Oomoto Internacia», «Heroldo», «Lingva Kritiko», «Esperanto», eĉ el «La Verdaj Donkiĥotoj», la provizore lasta verko de Baghy. Kaj vere, neologismoj svarmas. Neologismoj, kiujn nia bona Baghy uzis aŭ parodie, aŭ ironie, kun mok- aŭ pik-intenco.

Tiam mi pensis pri tiu cinika deloganto, kiu proponas al naivaj junuloj, ke ili foje akompanu lin al la bor...so por «vidi, kiel la ludpasio kaptas malfortajn individuojn kaj malbeligas ilian karakteron». Bela preteksto! Poste la naivaj junuloj retrovas solaj la vojon al la dirita... borso kaj ludas mem.

Estas fakto; severa statistiko pruvas, ke neniu tiom vivigis la neologismojn, kiom Baghy. Kaj la legantoj

rapide alkutimigis la okulojn kaj orelojn al la novaĵoj, kies bildo, kies sonoro ankoraŭ postrestas, kiam delonge jam forpaliĝis la ironia, skurĝa intenco de l' vipanta aŭtoro.

La neologismuloj ŝuldas honoran kandelon al Julio Baghy.
LA DEĴORANTA PIRATO.

# Iom da astro-nomio kaj -logio

«La Interkonsento de Kolonjo ekfunkcios la 1-an de novembro.»

Samideanoj, eltiru viajn teleskopojn el viaj noktotabloj, deviŝu la polvon de viaj lornoj, malfermu la okulojn kaj bone observu la noktan ĉielon. Okazos io!

Dum la nokto de la 31-a de oktobro al la 1-a de novembro, tre precize kelkajn sekundojn post noktomezo, la Esperanta Stelo, kiu ĝis nun troviĝis en la stelbildo de la Ĝemeloj, forlasos tiun ĉi konstelacion kaj liberigite serĉos pli komfortan hejmon sub la signo de alia zodiakaĵo. Kaj jen estas la provizora problemo, la aktuala enigmo: En kiun novan stelkombinon eniros nia movado???

Multe dependos de tio.

Eble ni vivos tiam sub la signo de la Pesilo, kio promesus justecan reĝimon, rekompencon al la bonaj propagandistoj kaj punon al la kanajloj (fine!) — aŭ sub la signo de la Leono, kio signifus rapidan venkon, — de la Skorpiono kaj Kankro, kio estus bedaŭrinda malprogreso, — de la Virgulino, kio tre mirigus nin, — de la Virŝafo kaj Virbovo, kio tamen ne malhelpus nin respekti niajn direktorojn, ktp.

Niaj teleskopospertaj kaj astrolertaj amikoj bonvolu komuniki al ni siajn interesajn observojn, por ke ni povu tuj orienti la velojn de nia ŝipo laŭ la nova direkto.
CONDORCET.

# ANKORAŬ UNU

*Al I. Lejzerowicz, tradukinto de «La Sorĉistino el Kastilio»*

Sur la placo homamaso
Nokte dancas, — kaj la kaso
Estas tie sub tilio.
Lumon al la kasistino
Donas torĉportanta ino...
*Konkludo:*
La Torĉistino de l' Kas-tilio!
ROSA MEIER.

# Kompara Antropologio

Originala studo de Prof. Hideo Fosilio
de l'Universitato en Hozu, Japanujo.

Reveninta el longa vojaĝo en la Okcidento, mi klopodos kontentigi la scivolon de miaj lernantoj, resumante miajn impresojn pri la antropoiduloj, kiuj enloĝas la sud-okcidentan elstaraĵon de nia azia kontinento, kiun oni kelkfoje nomas Eŭropo. Kontraŭe al la ĝenerala supozo en la Oriento, Eŭropo estas enloĝata de homoj plej diversaspektaj; estaĵo, kiun oni povus nomi «eŭropano» simple nur estas trovebla en niaj orientaj havenurboj. Eĉ la tre ĝenerala kredo pri la «blanka koloro» de l' tieaj antropoiduloj montriĝis nura mito, post mia detala observo. La eŭropanoj estas en efektiveco aglomeraĵo de l' plej malsamkoloraj homaj estaĵoj; neniu rasa solidareco regas inter ili; eĉ en la sama «nacio» oni ne plu estimas la familiestron; la mortintajn prapatrojn oni malatentas ĝis la grado, ke oni eĉ ne oferas al ili ĉiutagan matenmanĝon. Por plisimpligi mian ekzamenadon, mi vizitis la urbon Parizo, en kiu oni plej bone povas studi pri ĉiuj homtipoj troveblaj en Eŭropo. Jen estas, en kelkaj vortoj, la kvintesenco de miaj impresoj:

La francoj, kiuj onidire ĉefe enloĝas Parizon, estas ŝatinda popolo entute, sed treege amuza aparte. Ili parolas kun multaj gestoj (movoj de l' brakoj, ŝultromovoj, grimacoj) kaj laŭ la konvinko de ĉiu anglo ili forte similas al rano (tial oni nomas ilin simple «froggies» en la klasika angla lingvo parolata en niaj havenoj). Dum mia restado en la urbego mi detale studis kelkajn specimenojn, el kiuj la plej karakteriza estis eble Jozefo Nels, malgraŭ la bedaŭrinda foresto de liaj kapharoj. Mi supozas, ke tio okazis al li pro certaj ekscesoj...

La anglojn oni ankaŭ povas bone studi en Parizo, kvankam ilia aplombo iom falis samtempe kun ilia

mono. Bedaŭrinde, ĉar anglo sen aplombo estas kvazaŭ Sturmer sen siaj kvar antaŭnomoj: koko sen kresto! En la okulo de ĉiu sincera franco, ĉiu anglo estas ridinda. Tion oni tamen neniam diras al ili, ĉar el ĉiuj popoloj de l' mondo, la angla estas la plej sentema (en ambaŭ sencoj).

Hungaroj, tiuj enmigrintoj el Azio, ankaŭ troviĝas grandnombre en Parizo. Oni povas rekoni ilin laŭ ilia eterna rido — kiu estas precipe koleriga en la nuna tempo. Kontraŭe, la germanoj ĉiam portas doloran esprimon, pro kiu eble respondas Hitler — kiun cetere ankoraŭ neniu vidis ridi. — Katalunoj estas veraj gigantoj, kies deveno estas mistera. Solsona, la konata presisto, estas bela specimeno. Post lia morto oni devus lin elmontri en alkoholo en iu antropologia muzeo. Sed mi dubas, ĉu tia uzo de tiu valora fluidaĵo estus aprobata de l' redakcio de LA PIRATO.

Multajn diversajn interesajn antropoidaĵojn mi studis en Parizo, sed la plej interesaj studoj estis tiuj pri la... inaj specimenoj. Eŭropa virino, ĝenerale, ne estas virino, sed kvazaŭ tria sekso, kompare al niaj japanaj sinjorinoj. Ŝi ne portas la infanon sur la dorso, ne sekvas humile la edzon je tripaŝa distanco, paŝas per energiaj, longaj paŝoj kiel serĝento en Manĉurio. Estas nur unu komuna trajto inter eŭropanino kaj japanino: ili ambaŭ harakiras. La diferenco montriĝas tamen ĉe l' edzoj: eŭropa edzo ofte harperdas!

Ĉe la fino de mia raporto mi volas anonci la grandiozan planon de nia Universitato pri la konservado de l' eŭropaj antropoidaj tipoj nuntempe vivantaj. Ni invitos unu karakterizan individuon el ĉiu speco kaj nutros ĝin en Hozu ĝis la natura morto. Tiam la kadavro apartenos al ni kaj ni tuj enbalzamigos ĝin. Post kelkaj jardekoj nia Universitato posedos veran Ligon de Nacioj, en kiu ĉiu scivolema orientano povos senĝene studi pri la indiĝenoj de eŭropaj landoj.

---




L'ESPÉRANTISTE SISTERONNAIS (Aŭg.), nia palaspekta folieto, publikigas recenzon (?) pri « Politika Sociala Revuo » : « ...Ni devas plaŭdi tiun eldonon... Tamen ni permesu nin diri nian opinion. La preseraroj estas sufiĉe mombraj... »

Ankaŭ en tiu ĉi recenzo.

ESPERO KATOLIKA (Aŭg.) — « Ĉu ne estos lacige por vi ? » « Tute ne, » diras la fraŭlino (diketa) kaj marŝas pluen per rapidegaj paŝoj, kiuj refutas tiun supozon, ke eble la graseco estus ŝargo por ŝi. »

Se la graseco estus ŝargo, kelkaj, kiujn ni konas, jam estus eksplodintaj.

HEROLDO (8 Okt.) — « Morgaŭ, frumatene, la metiistoj rapide pakis sian ekipaĵon kaj ĝentile formarŝis. »

Ili verŝajne alvenos hieraŭ.

LA INTERLIGILO DE L' P. T. T. (Aŭg.) — « La dekreto de lia sinjora moŝta prezidanto venas esti, fine, kvazaŭ la « gracia pafo » kontraŭ la kuba telegrafo. »

Ĉu tiu ĉi gracia stilo ne meritus la finan baton ?

OOMOTO INTERNACIA (Aŭg.-Sept.) — « Inter la plej famaj astronomoj de la 18-a kaj 19-a jarcentoj estis Sir W. Herschell (1738-1822), lia fratino Karolino (1750-1848). — Beer (1997-1950) estis la unua kartografisto de la luno. »

Kiel oni povis ekscii, ke tiu Beer mortos 47 jarojn antaŭ sia naskiĝo ?

*Samloke.* — « Gambetta, Prezidanto de Francujo (1838-1882), estis ... »

Strange, ke la francoj mem ĝis nun ne konis tiun ĉi fakton.

*Samloke.* — « Post du jaroj la patro de Aleksandro estis mortigita kaj sekve li surtroniĝis. »

Nu, pri tiaj mirakloj ni ne diskutos kun Oomoto.

*Samloke.* — Nun atentu bone, la afero komplikiĝas!

« Sed oni ne povis por eterne malhelpi la homan kuriozecon kaj en 1231 la papo Gregorio IX nomis komisionon por «elpurigi» la verkaron de Aristotelo. Ekde 1260 li estis kanonizita en ĉiuj katolikaj lernejoj. Sed tiu «elpurigita» Sokrato ne plu estis Aristotelo mem, sed nur lia kadavro. »

La homa kuriozeco estas senlima.

HISPANA ESPERANTO-GAZETO (Sept.-Okt.) — « S-ro Mangada legas la proponon de S-ro Escartin, kiu naskis la komision. »

Unuavide tio ŝajnas bagatelo. Sed el la kunteksto evidentiĝas, ke la komisio estas komisiono. Espereble S-ro Escartin ne tro suferis. Ĉiuokaze sincerajn gratulojn.

*Samloke.* — El nekrologa artikolo: «...ekestis inter ni ŝatita interrilato kiu pligrandiĝis intime kaj pli kaj pli ni enamikiĝis. »

Kaj estu certa, ke la honesta aŭtoro tute ne intencis diri tion!

---

**LA SINJORO, KIU ESTAS NENIAM KONTENTA**




| **Antaŭ Kolonjo:** | **Post Kolonjo:** |
|---|---|
| Nia movado neniam sukcesos, — ĝi estas kiel homo kun du kapoj! | Nia movado neniam sukcesos, — ĝi aspektas kiel viro kun nur unu kruro! |

# Skandalscenoj en Ĝenevo sed ne pro UFE...

## Kial la germana delegacio forlasis la Konferencon

Kiel nia elita legantaro jam scias, ne temas pri la Esperanta konferenco, sed pri la alia, ĉe la Ligo de Nacioj, same grava cetere.

Verdire oni ĝis nun en la publiko ne bone komprenis, kial Germanujo forlasis la Ligon, ĉar oni ja sciis, ke ankaŭ la aliaj ne intencis malarmadi. Mi tial priskribas ĉi tie la okazintaĵojn en la kronologia sinsekvo.



Tuj, kiam la lasta delegito estis alveninta, Sir John Simon, kiu prezidis, malfermis la kunsidon per la historiaj vortoj: «Sinjoroj, la kunsido estas malfermita. Ni daŭrigu la malarmadon.» — Kaj oni tuj komencis starigi definitive la provizoran programon.

Tiam la germana sendito protestis, dirante ke...

Tuj la franca delegito interrompis: «Vi eraras, ni,..»

«Sinjoroj,» sin intermiksis la prezidanto, «por eviti ĉiun konflikton kaj sangelfluon, mi proponas, ke ni ne parolu pri armiloj.»

«Bonege,» aprobis la italo, «ni ĉiuj estas filoj de la homaro, kaj mi sentus min kulpa filo...»

«Pafilo, pafilo,... jen armilo!» konstatis la prezidanto, «sinjoro, vi ne plu havas la parolon.»

## Nova incidento

Tiam leviĝis nia amiko Major por diri kelkajn pacigajn vortojn en la nomo de Oomoto. Pro bedaŭrinda miskompreno la prezidanto komence kontraŭstaris, «ĉar» li diris «Major', kaporal' aŭ general', tio estas la sama buljono, ĉi tie parolas nur kulturitaj civiluloj.» — Nia amiko povis facile pruvi, ke li estas senranga en la japana armeo, kaj diris, ke li venas en la nomo de sinjoro Onisabro Deguĉi... Li ne povis

fini. De ĉiuj flankoj, kiel aŭtentikaj pacifistoj, la delegitoj blekis « For la sabron, for la sabron! » — Nu tiam nia amiko korektis « ...en la nomo de sinjoro Oni Deguĉi... » sed la patagona ministro, kiu estas multe surda, ree interrompis, kriante kvazaŭ surdulo: « Kiun Oni volas buĉi? »

Tamen, ĉio aranĝiĝis, kaj sinjoro Major povis fini dirante, ke li alportas bondezirojn kun la kara beno de... »

« Karabeno! » la prezidanto senespere ekploris, « se vi daŭre uzas armilojn, ni neniam povos malarmadi. Iru for kaj sidiĝu tuj kaj ne plu moviĝu. »

## Malnobla atenco, tute ne konforma al la etiketo

Apenaŭ la ekscititaj mensoj retrovis sian serenecon, kiam la hungara delegito ekkriis « Paf! Paf! Paf! » — Preskaŭ ĉiuj opiniis, ke ĵus eksplodis nova milito kaj rapidis al la elirejoj. Nur iom post iom oni komprenis. Paf estas la nomo de la hungardelegita hundo, kaj ĝia mastro tiel insiste vokis, ĉar la besto kondutis tute nedece kontraŭ la franca delegito. — Per sonora voĉo, kiun treme vibrigis justa indigno, la franco solene plendis, ne nur pro la simbola gesto de l' hundo sed ĉefe pro sia difektita pantalono. Intertempe li pene klopodis forviŝi per sia poŝtuko la kompromitantajn postsignojn. Li povis savi la pantalonon, sed kompense li infektis la poŝtukon, kiu aspektis kiel malseka viŝilo. Tion ĉiuj tre bedaŭris, ĉar ĝi estis el bela, multekosta tolo. Kaj estis amuze vidi la embarason de la malfeliĉa sinjoro, kiu ne sciis, kien meti la tukon kaj kvazaŭ savon serĉante svingis la blankan tolaĵon.

Tiam la germana delegito kunklakis la kalkanumojn kaj deklaris seke: « Sinjoro prezidanto kaj kompanio! Konstatinte, ke mia franca kolego manipulas ĉi tie pistolon, mi forlasas la butikon. » — Kaj li foriris.

La aliaj havis la impreson, ke io okazis.

JULES LARIBOIS.

# Fine! unu komprenis...

La aliaj gazetoj, kiuj ĝis nun menciis la aperon de nia honorinda gazeto, estas suĉinfanoj. Sed unu komprenis. Estas nia pola kolego «Esperanto dla wszystkich», kiu vire postvangofrapas nin:

«La Pirato konsistas el satiraĵoj pri esperantista vivo.

Laŭ ni, la nomo de tiu gazeto devas esti Firato *), ĉar ĝi timeme kaj kvazaŭ muso ekmordetas la esperantistajn interrilatojn kaj tute ne havas la kuraĝon moki tion, kio estas vere mokinda. Ŝerci, atentante, ke oni neniun ofendu estas naiva afero.»

Jen por ni naivuloj! Firato, timemulo, muso! Tiel ni aspektas antaŭ la okuloj de la ŝatinda recenzinto. Nu, ni konas la homojn kaj ankaŭ nin mem. La vortoj de E. d. w. tro delikate pentras nin. Ili gustas kiel tro sukerita bombono sur nia hardita lango. Jes ni estas, kiel oni diris, sed ankoraŭ multe pli. Ĉiu el ni estas: ŝtelisto, falsisto, virinekspluatanto, salivanto, judo, jezuito, amiko de l' malamiko, maldikkapulo, naŭzanto, plena je supo, subaĉetito, murdisto, mallaksulo, spinmalsanulo, strabanto, pedikbarbulo, bankrotinto, individuo kun ne konfesindaj moroj, politikulo, vinsako, dikventrulo, cerbmolulo, eksviro, nazfluulo, platpiedulo, ŝimaĵo, ĉarlatano, botlekisto, tordkrurulo, kiu-haladzsufokas-muŝojn-je-dekses-paŝoj, bankisto, dekadencaĵo, kajtielpluulo. Jes, konsentite. Sed nun oni permesu al ni, post ĉi tiu abomena prozo, diri al «Esperanto dla wszystkich» kun plej respektaj sentoj... la tre poezian vorton!

Kore via

PULBUŜEL.

---

*) He, he, — komplimentojn pro tiu ĉi trovaĵo. Red.

*Germanujo forlasis la Ligon de Nacioj.*

*Ankaŭ UEA ne plu havas iluziojn.*

# LA PAĜO DE L' KOMERCO

De kelka tempo oni trovas en ĉiu numero de Heroldo anoncon pri la « La bonega razklingo en ruĝa pakumo kun verda stelo, produktita el plej bona originala sveda ŝtalo. Klingo same kiel la pakumo havas Esperantan tekston... »
Jen la teksto sur la klingo:

*D-RO. ZAMENHOF*
★ *(la Mondo razoklingo)* ★
*la aŭtoro de*
*ESPERANTO*

Ni vidas kun plezuro, ke la komerco nun uzas Esperanton (kun siaj kutimaj takto kaj bongusto). Dezirante ankaŭ niaparte subteni tiun ĉi propagandon, ni bonvolas gastigi en tiu ĉi numero kelkajn komercajn anoncojn, kvankam principe tio ne apartenas al nia programo.

---

**NE MALESPERU,**
sed provu niajn
**LAKSIGAJN PILOLOJN**
**"INTERNA IDEO"**
Efika vigligilo,
sukceso garantiata!
Nur por interna uzado!
Prezo: 3 Fr. sv.
En ĉiuj bonfamaj apotekoj.

---

**SENRISKE! SENDANĜERE!**
Dank' al nia aparato
**" PRETER LA VIVO "**
Konsistas el diversaj poemoj de Julio Baghy.
(Dum la legado vi ne pensos pri petolaĵoj, kaj poste... vi saĝe endormiĝos.)
Mendu tuj, baldaŭ la stoko estos elĉerpita.
Ni sendas perpoŝte sub diskreta koverto!

---

**JUNAJ GEEDZOJ!**
Antaŭ ol aĉeti liton
konatiĝu kun la bonega
MATRACO
**LA ESPERO**
Via vivo estos senfina
himno...
Rem. Burit, 3 Str. de l' Egit.

---

**POR MORTIGI**
**cimojn, pulojn, pedikojn**
uzu nur la novan, ĝis nun
ne konatan naŭzaĵon
**" NEOLOGISM "**
Aĉetebla en ĉiuj Esp. Librejoj
aŭ rekte ĉe la fabrikanto
LOMO, Truda-Pesto.

---

**ĈIUJN FARSARTIKLOJN,**
**ĉiujn amuzilojn,**
**infanajn ludilojn,**
**kaŭĉukajn suĉilojn**
**ktp.**
vi trovos en la konata
MAGAZENO
**" AKADEMIO "**
Marko registrita.

---

**FRAŬLINO,**
**vi havas palajn vangojn,**
**vi bezonas iom da ruĝo!**
**SAT**
**la universala ruĝigilo**
**en ĉiuj nuancoj.**

# PRI GENIA ELTROVAĴO

La stenografio sukcese sin altrudis al la mondo. Tio pruvas ĝian utilecon. Per ĝi oni ŝparas tempon, kaj — se ni fidas al la kompetenteco de niaj anglaj amikoj en « business »-aferoj — tio signifas gajni monon. — Tamen, eĉ la plej rapida stenografisistemo havas grandan malavantaĝon. Oni ne povas paroli ĝin. Ni miras, ke en la daŭro de l' lastaj jarcentoj neniu pensis pri tiu ĉi manko. Efektive, kial oni ne ŝparus tempon ankaŭ, kiam oni parolas?

Du eminentaj scienculoj, prof. A. Bundam kaj d-ro West, havis genian ideon. Ili eltrovis la Stenofonion!

Ĉu vi jam pripensis, kiom da tempo la homoj perdas ĝenerale por ekscii reciproke ne nur siajn nomojn, sed ankaŭ al kiu nacio, religio, politika partio ili apartenas, kiuj estas iliaj sekretaj pasioj, preferataj sportoj, privataj kapricoj ktp. Ni devas, ekzemple, ankoraŭ nun, dum la jarcento de l' progreso, toleri tiun priplorindan spektaklon, ke du gehomoj, kiuj renkontiĝas dum januaro, interkonatiĝas tre supraĵe nur dum marto (kaj nur post multekostaj sidadoj en kinematografejoj), — iom pli intime dum majo (kaj nur dank' al vigliga influo de l' printempsezono), — malkaŝas unu al la alia siajn esperojn kaj dezirojn nur dum julio, — gefianĉiĝas nur ĉirkaŭ Kristnasko kaj geedziĝas nur longan tempon poste, kaj fine nur post tri jaroj komprenas, ke ili ambaŭ eraris. Tio estas skandalo. Tial ni demandas, kial oni ne adoptus universale la vere genian sistemon de prof. A. Bundam kaj d-ro West?

Jen la ĉefaj trajtoj de ilia elpensaĵo.

Por montri la naciecon oni aldonas al sia nomo la respektivan sufikson: *ois* por francoj, *ski* por poloj, *er* por germanoj ktp. kiel Joseph Nelsois, Jean Forgeski, Teo Junger. Simile oni aldonas aliajn sufiksojn, ekzemple . . . . . . . . . . . .

por montri la katolikan religion . . . ka
naciistan tendencon . . . . . . . . . na
filatelistan pasion . . . . . . . . . . fi
emon al amindumado . . . . . . . . am
prosperon kaj riĉecon . . . . . . . . ri
vegetaranon . . . . . . . . . . . . . ve
bilard-sportulon . . . . . . . . . . . bi
kaj aliajn *).

Ni supozu nun, ke S-ro Pulverfass, germano, preta al amindumado, poŝtmark-kolektanto kaj bilardĉampiono, deziras konatiĝi kun fraŭlino Bonkor, kiu estas polino, katolika, anino de ŝovinista naciismo kaj krom tio tre riĉa. Sufiĉos kelkaj sekundoj. Jen:

« S-ro Pulverfass-er-am-fi-bi »

« fraŭlino Bonkor-ski-ka-na-ri. »

Kaj sen sentimentala ĉirkaŭfrazado, sen tempoperdo la amfibio manĝos la kanarion.

Prof. A. Bundam & D-ro West.

*) La kompleta lernolibro estas havebla ĉe la aŭtoroj kontraŭ partopreno en la deficito.




« Kia surprizo, sinjorino Prunsuker, — de almenaŭ dekdu jaroj oni ne plu vidis vin en la grupo. Ĉu vi forlasis la movadon ? »

« Tute ne, sinjoro Grasman, vidu mem, — intertempe mi partoprenis ses Universalajn Kongresojn ! »

SPORTA RUBRIKO

# Lastaj Informoj

La batalemo de niaj ĉampionoj ne estis eksterordinare vigla dum la lasta tempo. La publiko senpacienciĝas kaj volas vidi belan sporton.

**Ĵiu-Ĵitsu.** — Tute seninteresaj estis la du renkontoj de la maljuna Heroldo kun la ĉiam ridopreta Oomoto. Ĉe la unua kunveno la luktantoj batalis por scii, kiu el ili estas pli sendependa. Molaj frapoj ambaŭflanke. Nur dum unu sekundo la ĉeestantoj sentis tiklon de emocio, t. e. kiam Oomoto tre kuraĝe mordis la dikan piedfingron de Heroldo. Sed tiu ĉi tre lerte respondis pinĉante la nazon de Oomoto inter siaj genuoj. Rezultato 0:0.

La dua kunveno alportis ankoraŭ malpli da intereso. La batalo, kiu estis okazonta sur la tereno « Nelojala konkurenco », eĉ ne povis okazi, ĉar lastmomente Oomoto malpufiĝis. — La publiko ne kaŝis sian malkontenton, — oni fajfis, ĵetis pomojn kaj postulis repagon de l' abonmono.

**Bokso.** — Sur la « Ringo » de Literatura Mondo antaŭ amatora rondo okazis bela spektaklo: Waringhien, la nordfranca « comingman » tre nerve boksis la italan mezpezulon La Colla. Temis pri la lingvaj scioj de Zamenhof. Jam dekomence Waringhien forte martelis kaj post definitiva frapo, el kiu evidentiĝas, ke Zamenhof tre ofte ne komprenis kion li tradukis, La Colla restis knokaŭte sur la tapiŝo. — Tiu pugnobatalo multe interesis la amatorojn. Oni pli speciale aplaŭdis tiun faman svingon de Waringhien, kiun oni pli familiare nomas « piedfrapo laŭ bovina maniero » kaj per kiu la vigla boksisto montris, ke Zamenhof faris el la germana « Geigel » Esperantan violonon! — Sed oni riproĉas al la venkinto, ke li frapis ankoraŭ post la finsignalo.

Por lasi al La Colla ankaŭ siajn ŝancojn, okazos tre baldaŭ kaj verŝajne sur la sama Ringo nova renkontiĝo pri tiu ĉi same interesega demando: « Ĉu Bulthuis skribas siajn verkojn per plumo aŭ pluvombrelo? »

**Teniso.** — La pilkoj ĝis nun interŝanĝitaj inter Totsche, la Budapesta tenoro, kaj Major, la Oomota sopranulo, ne postlasas bonan impreson pri la rapideco de l' ludantoj. Verdire ne estas vetludo, sed nur demonstracio. Ĉiu deziras doni konsilojn al la alia pri recenzado, verkado. Sed, ĉar la alia ne bezonas konsilojn, aŭ almenaŭ mem tion pensas, li resendas la konsilojn. Kun komplimentoj. Tiu ĉi ludo povos eterniĝi. Ĝi estas klaŭnteniso.

**Defio.** — Bibliografia Gazeto publikigas tiun ĉi noteton:

« Aperis sub titolo *Simplaj Versoj* nova verko de Julio Baghy. Bedaŭrinde, laŭ insista postulo de la verkisto, ni devas rezigni la recenzon pri ĝi. »

Kion oni kaŝas al ni? Ĉi tie estas io neklara. Ni povas imagi, ke Baghy sendis al la B. G. proksimume jenan leteron:

« Sinjoroj, — Mi malpermesas al vi legi miajn verkojn kaj eĉ ne lasas al vi la rajton kritiki ilin. »

Ni atendas pacience evoluon de tiu ĉi malklara situacio kaj ni ripetas, ke la publiko deziras vidi belan sporton.




**Ne faru al alia...** — Antaŭ 13 jaroj, nia kamarado Lanti komponis sian militkanton « For la neŭtralismon ! » kaj SAT eliĝis el la neŭtrala fimovado. — Nun ekstrem-komunistoj kaj sektaj socialistoj siaflanke eliĝis el SAT. Kaj en Stockholm kamarado Lanti deklaris : « La malprudentuloj, kiuj provas pravigi sian skisman agadon per la ekzemplo, kiun mi donis antaŭ 13 jaroj, montras simple sian nekomprenon pri la signifo de Esperanto kaj la rolo de la laborista Esperanto-movado. »

Ĉar — intertempe Lanti konfesis, ke antaŭ 13 jaroj li eraris.

**Malhelpaĵo.** — Nia amiko Archdeacon, prezidanto de la S. F. P. E., estas sendependulo. Li loĝas sur ŝipo kaj moviĝas, kiel la helikoj, kun sia domo laŭ sia bonvolo. Dum septembro ili troviĝis apud Pontoise kaj sin direktis al Parizo. Sed tiam okazis la ŝipista striko, pri kiu parolis la ĵurnaloj. La strikantoj baris la riveron. S-ro Archdeacon perdis tie du tutajn tagojn. Kaj tiuj, kiuj konas lin, facile povas imagi la trumpetadon : « Estas skandalo, » li diris, « mi ne povos ĉeesti la malferman grupkunvenon en la Sorbonne. »

— Nia bona prezidanto estis prava. Oni rekunvenos en nia Sorbonne la 3-an de novembro, kaj Pontoise kuŝas je preskaŭ 40 kilometroj de Parizo.

**Laŭlonge de l' kajoj...** — En unu el la librokestoj, kiuj viciĝas laŭlonge de l' Parizaj kajoj, troviĝas ankaŭ unu Esperanta kesto. La simpatia posedanto vendas — brokante — ne nur malnovajn, gras- kaj ŝvit-makulitajn ekzemplerojn, sed ankaŭ ĵus eldonitajn volumojn, — kaj li vendas ilin je duona prezo de ilia valoro. Estas vere, ke tiuj volumoj surhavas diskretan stampon « Por recenzo ». — Sed de kie la brokantisto havas ilin ?

**Precizigo.** — El la librokatalogo de la firmo Ellersiek, Berlino:

BASTIEN : La liberecana societo.
— Naŭlingva Etimologia Leksikono.

Sed la aŭtoro de l' unua, SAT-ano, asertas, ke li havas nenion komunan kun la aŭtoro de l' dua, generalo Bastien, — kaj reciproke. Tamen, la nomon ili havas komuna.

**Kion pensoj valoras ?** — El la sama katalogo de la sama firmo :

GRENKAMP : Penseroj . . . . . , . . . 0,05

La firmo Ellersiek estas kruela.

**Ili eniras.** — La franca Esp-Societo sendis kiel reprezentantojn en la komitaton de UEA niajn amikojn Gen. Bastien, sinjorojn Couteaux, Dubois, Petit. — Ĉu ne al ili kelkaj fanatikuloj kriis antaŭ unu jaro : « Manojn for de nia UEA » ? — Kaj nun ili enmetos la piedojn.

**He! he!** — En sia ĵusa romano « Paŭlo Paal » nia kara Baghy — ĉu vere senintence ? — ne allasas favoran opinion pri la kuracistoj.

La hejmregiona doktoro sendis nian romanheroon al la sanatorio diagnozinte, ke li estas pulmomalsana. En la sanatorio, tuj ĉe l' unua ekzameno, evidentiĝas, ke Paŭlo Paal estas perfekte sana, nur iom maldika pro nesufiĉa nutrado. Laŭ sia propra konfeso li tusas nur, kiam li misglutas paneron, sputas nur, kiam la pipo brulgratas la langon. — La hejmregiona doktoro estis azeno.

Sur paĝo 47, fraŭlino Liza Berkes parolas pri sia malfeliĉo : « Mi estis dekjara, kiam por malhelpi la plenan blindiĝon oni operacie forigis unu el la okuloj, post duonjaro la alian. »

Kompreneble, malgraŭ tiuj ĉi operacioj la kuracistoj ne sukcesis malhelpi la plenan blindiĝon.

Nia amiko Kalocsay, ĉefredaktoro de Literatura Mondo, estas kuracisto.

**Kiel oni povas eviti renkontiĝon.** — Komence de oktobro Baghy veturis al Leyden (Hol.). Samepoke Bleier, la eldonisto de Literatura Mondo, vojaĝis en Holando. Kiam Baghy eksciis tion, li diris : « Li estas en Holando ? Nu bone, mi veturas al Nederlando. »

# "INTER NI"

## (Tre konfidence !)

Sendube interesos niajn legantojn scii, ke vendredon 13-an de oktobro, nia ĉarma kunlaborantino Sala Fumal naskis sanan fileton, pro kio ŝi petas vian pardonon.

Sala Fumal, kiel vi jam mem konjektis, estas el araba deveno. Ne estas mirige, ke ŝi nomis sian filon Ale Ben Tarip, ... memore pri la patro.

Nia amiko Joseph Nels ne ankoraŭ reaperis.

## Bonvolu noti, ke la proksima numero de LA PIRATO aperos sur 80 paĝoj

**kaj sur senligna papero**

**kun multaj koloraj ilustraĵoj kaj multaj surprizaj kaj tre amuzaj aldonoj**

**se**

**la 7-an de novembro, okaze de la Nacia Lotumado, ni gajnos la grandan loton de l' Franca Loterio.**

*Le Gérant :* ROGER BERNARD.

Presejo J. SOLSONA, 9, rue Hallé, Paris-14e — Tél. Gobelins 62-71.

## MODELO DE ABONILO

*Al S-ro J. SOLSONA*
*9, rue Hallé*
*Paris - XIV*

*Ĉi kune mi sendas al vi ............ fr. fr. *) (aŭ egalvaloron) per poŝtmandato, ĉeko, monbiletoj, — (trastreku la nekonvenan) — kiel abonpagon al LA PIRATO, por unu jaro (12 numeroj), ekde la monato ............*

*Familia nomo: **)* ............

*Antaŭnomo:* ............

*Urbo (aŭ vilaĝo)* ............

*Strato kaj n-ro* ............

*(se necese) Provinco* ............
*Distrikto, ktp.*

*Lando:* ............

---

*) Tarifon vidu sur la 2-a kovrilpaĝo.
**) Skribu tre legeble!

---

## ATENTIGU

viajn geamikojn, ke restas nur malmultaj ekzempleroj de la unuaj numeroj de LA PIRATO

## BALDAŬ

ni ne plu povos liveri!

Ili mendu senprokraste,
ĉar estas ekster dubo, ke post kvindek jaroj tiu ĉi kolekto valoros plurcent funtojn da arakidnuksetoj!